# PENSEO

N-ro 339
jan. / 2020

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 31-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Eto (Ĉinio)

### Januare

Glaci' ankoraŭ ŝlosas la teron kun obstino,
senĉese dance flirtas neĝeroj kun leĝero.
Nebule vastas blanke l' surfaco de l' rivero,
neniu homa signo videblas en neĝ-domino.

Verŝajne ĉio mortas, ne vivas sub ruino,
eĉ homa voĉo ankaŭ ne eĥas en aero.
La planta vivo stagnas de frosto kun kruelo,
nur krom nudaj arboj funebras en deprimo.

Sed vera vivo vibras subtere en soporo,
ĝi akumulas forton dum dorm' portempa ŝtele.
ĝi volas ŝpruci verdon post vintra la rigoro.

Vekiĝos ĝi printempe post frid' tortura vere,
elŝovos sian kapon fiere kiel floro,
donante sian belon al homoj ja sincere.

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Antaŭ Kristnasko

*"Kian signon vi montras, por ke ni vidu kaj kredu al vi?"(Johano, 6:30)*

En la konfuzo ĥaosa
de surdigaj dolorsignoj
de ĉi tiu mondo triba,
avancas la homamaso
per la karnavaligo
de l' semantiko de l' vivo.

Ĉiuj volas esti egalaj
por fariĝi diferencaj;
la voĉo de l'anim' ne gravas,
kiu nur volas vivi pace.



*Juiz de Fora, 29/11/2019.*

## Tiberio Madonna (Italujo)



### NOKTO SANKTA

Nokto sankta!
Ĉio nun dormas jam.
En la sorĉita
nokto stelita
jen de l' Sinjoro
la koro.

Nokto ĉarma!
Kantas nun en kampar'
per melodio
fare de Dio
la ĥor' anĝela
ĉiela.

Nokto luma!
Brilas la tuta val'
dank' al arĝenta
stel' orienta;
gvidas al celo
la stelo.

## Lily (Ĉinio)

### Kiam nokto falas

Kiam nokto falas,
steloj babilante kun rideto
elpordiĝas, disen iras;
la knabino luno jam en preto
portas belan ŝiminkon.
Ekas la amuzvespero
sur ĉielo en stelilumino.
Sube sur la homloĝata tero,
sonas susurado el arbaro
kaj herboza valo.
Ŝvebas muziksonoj super
domoj en la urba festivalo.

Kiam nokto falas,
la farbitoj malrapide
kunfermas foliojn siajn,
kaj mimozo senekscite
kuntiras petalojn siajn.
la infanoj nun surlite
kuŝas kun dormema okulparo,
plenkreskuloj intermite
oscedas pro laco taglaboro.
Sur la ĉiel' la lun' ekridas
rigardante ilin en ĉi horo.

Kiam nokto falas,
en la sonĝo de infanoj
papilioj dance flirtas,
herboj kreskas apud la platanoj,
kaj infanoj kuras kaj ĉasadas
unu la alian sub sunhelo.
Plenkreskuloj post laboro
ja ripozi povas sen pens-pelo.

En mallum' la mondo
jam forlasas multokupitecon,
ankaŭ kun fermita okulparo,
ĝi fordormas ĉiujn bruojn,
voĉojn disonancajn dum noktfalo.

## Hans-Georg Kaiser (Germanio)



### Donacaj konsiloj

Ne donacu multon,
lasu tiun stulton.
Donu nur kun amo,
tute sen tamtamo.

Montru, se vi donas,
ke vi ne malbonas.
Donu nur kun ĝojo
kaj dum ĉiu fojo.

Donu ne sensence,
fride aŭ senpense.
Donu kun honesto
eĉ dum granda festo.

Donu ne por doni
kaj ne por admoni.
Donu afablecon;
Montru vian decon.

Donu do kun amo,
ke je ĉiu fojo
riĉe rekompencu
vin esprim' de ĝojo.

### Kristnaska aĉetorgio

*(ironia poemo)*

Jam la tumulto kreskas,
jubilas la komplicoj.
Aĉetoj ekgroteskas,
kun puŝoj en la vicoj.

Aĉetovagabondoj,
plenŝtopu viajn ĉarojn!
Kristnaskbazaraj mondoj
prezentas siajn varojn!

Aĉetu kaj aĉetu
por sankta aŭreolo!

Kuradu kaj eĉ tretu
por Fest' en alkoholo!

Aĉete interretu,
pri l' festo mem sen scio.
Ne danku kaj ne petu
dum la aĉetebrio!

Trotadu kaj eĉ tretu
kaj mordu por la festo!
Aĉetu kaj aĉetu,
aĉetu sen modesto.

Kuregu kaj tretadu.
Insultu pro kaprico.
Per pugnoj eĉ paradu –
ĝis venos la polico.

Ne pensu, ke la paco
dumfeste estu celo.
Aĉetu kun aŭdaco
en mondo laŭ – bordelo!

## Yanke (Ĉinio)

### Se...

Se vi estus bebo,
volus mi fariĝi vindoj.
Mi ne volus stringi vian korpon,
tamen donus al vi varmon.
Se vi estus birdo,
volus mi fariĝi la ĉielo blua.
Povus vi libere flugi
en la vasta brusto de mi.
Se vi irus sub bakanta suno,
volus fariĝi griza nubo,
kiu ŝirmus la sunardon
kaj forlasus al vi friskon.
Se vi staru en malvarma vento,
volus mi fariĝi muro,
kiu barus ĝian ostopikon por vi
kaj l' varman dokon donas al vi.

## Elena Popova (Bulgario)



### Enigmoj

1.

Kiu freŝigas la aeron?
Kiu gardas la teron
resti verda edeno?
Kiu kontraŭ venenoj
estas baro?

*(La arbaro)*

2.

Per " Birda okulo"
rigardas la arbo,
en kantoj prikantata,
por mebloj preferata.
Vere bela estas la fiera

*(acero)*

3.

Ili flugas
kun gren' en la bek'
por siaj idetoj
en la nesto.
Kia animfesto
se ni estus
flugilaj idoj
kiel la

*(birdoj)*

4.

Kiu lernas
sen kompreni
kaj nepensante,
oni lin moknomas

*(beklernanto)*

* *beklernanto = literpikanto*

## Sveta Konjashova (Rusio)



*"en la sino l' koro diospiras..."*
*N. Nechaev*

Inter neĝoj diospiras koro
kaj aperas kore nova floro,
ja radias tiu koro varmon

kaj poemoj havas nepre ĉarmon.

*diospiro: persimono*

# El Ĉina Antikva Poezio

## Ma Zhiyuan (ĉ. 1250 — ĉ. 1321)



### Aŭtuna penso

—laŭ melodio *Pura sablo*

Trovas sin nur oldaj arboj, grizaj korvoj,
kaj eĉ velkintaj lianoj;
ĉe malgranda ponto kaj fluanta rojo
staras jen kelkaj kabanoj;
sur antikva vojo trenas sin ĉevalo
magra en uesta vento.
Mondorande vagas kor-rompita homo,
sinkas sun' en okcidento.

### Nokta pluvo en Xiaoxiang

—laŭ melodio *Kanto pri longviva suno*

Dum flagras la lantern' en fiŝboato,
el sonĝ' vekiĝas mi.
Rompiĝas mia koro pro gutado
de pluvo en pasi'.
Ĉe mateniĝo, dista dekmil liojn
for de la famili',
mi verŝas purajn larmojn afliktite
kaj en melankoli'.

### Nokta ŝipvojaĝo

(1) —laŭ melodio *Aŭtuna penso*

Kiel sonĝo flugis la centjara vivotempo;
se retrorigarde, ja veindas la paseo.
Venas hodiaŭ printempo;
morgaŭ sonas flora veo.
Ho, rapidu al drinkludo, ĝis lampa pereo!

(2) —laŭ melodio *Arbo kun densaj folioj*

La palacoj de Qin kaj Han,
ĉiuj iĝis, por bovoj kaj ŝafoj, la herbejo.
Se ne tiel, kion do kampuloj pribabilas?
Restas dezertecaj tombo kaj steleo,
tamen la surskribo jam senbrilas.

(3) —laŭ melodio *Celebrado de la regno*

Estis kiom da herooj?
Sed l' enterigejo nun kieas?
Ili aliiĝis jen kaŝejen,
kie bestoj sovaĝaj aleas.
La Tri Regnoj, jes potencaj,
sed fiaskis duonvoje.
Ĉu nun restas la Wei-dinastio,
aŭ l' Jin-dinastio? Ho ve!

(4) —laŭ melodio *Falantaj umefolioj*

Pri mon' ne estu tro avara
eĉ se l' Ĉielo vin favoras!
Do sciu, ke la tempo belas,
sed baldaŭ ne plu por vi floras.
Ho, avarulo, kun la koro
obstina, riĉon persiste adoras
kaj, sen kapablo vere ĝui
plezuron, pri la viv' rigoras.

(5) —laŭ melodio *Ruĝo antaŭ okuloj*

Subiras ree l' suno okcidenten, tiel
rapide, kiel ĉaro surdeklive irus kure.
Kiam vi ellitiĝas en mateno,
aperas blankaj haroj enspegule;
vespere, vi jam adiaŭas
la ŝuojn, kuŝas enlite mortule.
Ne ridu pri la turto, kiu
okupas pigan neston eĉ uzure,
kaj kiu ĉiam sin ŝajnigas
stultule, sed ĝuante ja plezure.

(6) —laŭ melodio *Nerompita fadeno*

Seniĝis famo kaj profito,
sekve finiĝas ne' kaj jeso:
aferoj ĝenaj en la homa mondo
ne plu vekas min al intereso;
ĉi pajlkabanon milde ombras
helverdaj pino kaj cipreso;
grizblua mont' plenigas ĝuste
la murajn breĉojn en impreso.
Jen tiu ĥato ĉirkaŭita de plektobarilo
bambua, kiu min favoras kun kareso!

(7) —laŭ melodio *Festeno ĉe la adiaŭ-dira pavilono*

Nun oni povas dormi
trankvile, kiam nokte ĉirpas grilo;
de kiam koko krias,
konkursas ĉio en senĉesa iro.
Kiam al fino venos
ĉasado pri renomo kaj pagilo?

Ni vidu:
Formikoj por nutraĵo vice en amas' defilas,
abeloj zume okupiĝas pri mielfarado,
la sangon muŝoj vete suĉ-altiras.

Jen estas sopirendaj la vilao verda
de Pei Du kaj la societo de Tao Yuanming*:
Ĉe l' alveno de l' aŭtuno am-oferta
krizantemajn florojn rose pluk-akiri,
krabojn violruĝe prujnitajn kuiri
per folioj rufaj, kaj brandon distili.

Ni pensu:
Kiom da vinglasoj restas por la vivodaŭro?
Kiom da oldulaj festoj estos sen bedaŭro?

Mi dirus al infanoj miaj, ke memoru vi:
eĉ kiam Kong Rong** venus min viziti,
mi ne akceptus lin; kaj vi parolus nur al li,
ke estas mi ebria por ermiti.

**Pei Du (766 – 839) estis distingita politikisto kaj literaturisto, kaj en sia maljuneco, pro la obskuro de la regado, konstruigis la vilaon "Halo Kampe Verda" kiel ermitejon. Tao Yuanming (ĉ.352 – 427), plej fama pastorala poeto, kiu iam aliĝis, por esti ermito, al la budhista societo "Blanka Lotuso", fondita de la Majstro Hui Yuan.*

***Kong Rong (153 – 208), famkonata kiel saĝulo kaj literaturisto, kiu iam diris: "Se gastoj plenas en la halo, kaj se mia vinglaso ne estas vaka, mi jam restos senzorgema."*

*Elĉinigis*



## Minosun (Ĉinio)

## Yan Jidao (1030?-1106?)



### Mia sopir' al hejmloko

—laŭ melodio *Monta kratago*

Mia sopir' al hejmloko
ŝvebas trans montoj plejofte
je la alvoko
de miaj animo kaj koro.
Fiŝoj kaj sovaĝanseroj* verŝajne
kaŝas sin pigre vere sen laboro,
hejmaj mesaĝoj malmultas ekstreme.
Miaj tempioj kovriĝas per griza hararo
iom post iom pro mia sopiro
al ŝi kaj l' hejmo ĉiam en mensmaro.

Kiam en sonĝo reiras
mi sub fenestron farbitan helverde,
mi al edzin' mia diras,
ke la hejmloko pli bonas ja certe
ol en la mond' ie ajn aparte,
kaj mi preferas restadi kun ŝi,
se nur ni vivas bonfarte
kaj harmonie ja en famili'.

**En antikva Ĉinio oni uzis fiŝon kaj sovaĝanseron por sendi leterojn.*

### La restantaj pudro kaj parfumo

—laŭ melodio *Reveno de amato*

La restantaj pudro kaj parfumo,
kiujn iam ŝi eluzis,
samas jam ankoraŭ en nuno,
kiel ili estis, netuŝitaj.
Sed en ŝia kor-brakumo
amo al mi ardas ja des malpli.
Dum printempo nur en sumo
kelkaj leteretoj, kaj eĉ raras
ŝiaj alskribaĵoj en aŭtuno.

Litkovrilo kun feniks' brodita fridas,
kapkuseno kun ambirdoj desegnitaj
min sentigas sola kaj iritas.
Nur konsolas vino mian splenon.
Eĉ se sonĝ' konfidas
renkontiĝon al mi kun ŝi,
ĝi nur tute senvalidas.
Mi eĉ ne toleri povas,
dum mi ŝin en sonĝo vidas.

## Ĉiutage mi min ŝminki penas

—laŭ melodio *Silk-lava-rojo*

Ĉiutage mi min ŝminki penas
por klientojn plaĉi,
kaj mi danci ne ĉagrenas
kiel salikflokoj fole flirtas.
Tamen mi neniel dandon prenas
kiel edzon, kiu jen diboĉas
jen prodigas. Mi lin abomenas.

Vinogutoj ventumilon ŝmiras
dum dancado kaj amindumado.
Kiel akompan-knabin' mi iras
kun kliento inter floroj kun aromo.
Tamen tra l' printemp' suspiras
mi lamente pri l' mizera vivo
kaj larmperloj miaj mian koron ŝiras.

## Folio ruĝas, flaviĝas floro

—laŭ melodio *Sopiro al fora homo*

Folio ruĝas, flaviĝas floro,
malfrue en la aŭtuna tempo.
Sopiras mi al amat' en foro.
Forfluas nuboj senĉese pase,
sovaĝanseroj ne portas al mi
leteron lian jen en ĉi horo.
De kie povus mesaĝon lian
akiri mi de li kun vag-koro?

Ĉe la fenestro faligas mi
larmerojn, kiuj gutadas suben
en inkoplaton, mi kun anksi'
preparas inkon jen kun larmgutoj.
Mi skribas morne leteron al li.
Linio ĉiu kunhavas senton
sinceran mian, papero ruĝa
fariĝas pala sen mia sci',
pro malsekig' de mia larm-stri'.

*Elĉinigis*



**Vejdo (Ĉinio)**

## Cruz e Souza

## SIDERAFEROJ

Al la steloj el fridaj kristaloj
sinleve l' anksioj kaj l' deziroj
saltas tra l' blu' de nuptaj vualoj
far nuboj en blankecaj garniroj...
Laŭ procesio ĉanta el aloj
la ĉefanĝeloj en pinĉ' al liroj
pasas: flugiloj el orpetaloj
en dolĉaj batoj laŭ l' plu sintiroj...
Elneĝaj l' incensujoj eteraj
en fajnaromdisfumoj leĝeraj
nebul-ondojn donas de Vizioj...
L' angoroj kaj l' deziroj ekscite
la ĉefanĝelojn kunas decrite
ĉe l' Stelan Eternon: la ĝukrioj…

*Esperantigis*



**Wel CR (Brazilo)**

**Cruz e Souza estas brazila simbolisma plej elstara poeto, nov 24 1861 ( Florianopolo SC ) mar 19 1898 ( Antônio Carlos MG ) sialande duoble titolita, tiel: La Nigra Danto kaj La Nigra Cigno .*

**Mimoza Ahmeti**



## La herbeto

Neniu vidis la herbeton surtere ĝermante surtere

Kaj ekaperante.

Poste oni trovis ĝin apude. Nenio plu.
Tiom.

Ĝiaj folioj al ĉiuj folispecoj similis,
Sed eble el tio ili nur ion konservis.
Estis ĝi revema, timema, sopirema herbeto.
En decembra tagiĝo ĝi tigiĝis malkovrita.

Oni nomis ĝin sovaĝa, kiam la folioj flaviĝis,
Kaj arbustaĵoj, dornaĵoj insultis ĝin kiel dornon
La someron forgesinta.

Sed ĝi spite al la tuta humiligo alfrontis kuraĝe,
Jen sub pluvegoj, jen sub fulmofajroj.

## Terura ĝi estus

Terura ĝi estus
Vekiĝi tutsame ĉiun tagon

Sed pli terura ĝi estus
Ekvidi la tagofinon
En la pupiloj de la mateno

## Savu min, aŭtuno

Savu min, aŭtuno. Kion vi al mi faras?
Per via dislokiĝo, vi ja konfuzigas
Kion vi faras al la birdoj en la ĉielo? Kial vi ilin haŭttremigas?
Dum miloj da birdoj en miaj vejnoj batetas
Pro vi, aŭtuno. Pro vi. Ĉu vi komprenas?

Rompitaj spiraloj de la nubaĵoj provokas
la ĉielon

La tero freneziĝis bani sub la pluvon
Kaj mi same pro la ventoj, pro la pluvoj, pro
la pluvoventoj

Mi trempiĝas, refreŝiĝas, blankiĝas, plibeliĝas
Kvazaŭ herbo naskita por la ŝtormo.
Pro vi, aŭtuno. Pro vi. Ĉu vi komprenas?

Savu min, aŭtuno, mia risko.
Kial vi donacas, neatendite, la steloperlojn?
Kial vi semas ilin tiel malavare sub la okulojn?
Kial vi pardonas la kuraĝajn noktojn,
Mallumajn kverkaĵojn, mallumajn arbarojn,
Mirinde solecaj la longajn vojojn?

Savu min, aŭtuno. Ĉu vi aŭdas, mi petas?
Min viaj kapricoj ne oportunas.
Nenio min timigas. Serioze..Sed...Mi, kiel, ne scias.
Pro vi, aŭtuno...Pro vi. Ĉu vi komprenas?..
Elalbanigis



**Bardhyl Senimi**

**(Albanio)**



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DUDEKA

## Monta arbo

**§20-06**

Portante flikitan krudan robon kaj ŝuojn ligitajn per kanabaj ŝnuroj Zhuangzi iris vidi la reĝon de la regno Wei, kaj tiu demandis:

"Kial vi aspektas tiel mizere?"

"Mi estas malriĉa, ne mizera," respondis Zhuangzi. "Kiam klerulo ne kapablas efektivigi sian doktrinon kaj disvolvi sian virton, li estas mizera. Kiam li portas flikitan veston kaj truitajn ŝuojn, li estas nur malriĉa. Tio estas, kiel oni diras, nur 'naskiĝi en malbona tempo'.

“Ĉu vi neniam vidis simiojn saltemajn? Inter la *nanmu*-arboj, katalpoj, kverkoj aŭ kamforarboj ili svingiĝas, balanciĝas kaj saltas laŭplaĉe de branĉo al branĉo. Eĉ la plej lertaj arkpafistoj kiel Houyi kaj Peng Meng apenaŭ povas fari precizan celadon al ili. Kaj tamen, inter la kudranioj, jujubarboj, ponciroj, citronarboj ili moviĝas singarde kaj rigardas jen tien, jen ĉi tien kun timtremo. Tio ne signifas, ke iliaj muskoloj kaj ostoj rigidiĝis. Tio ŝuldas nur al tio, ke ili ne estas en la favoraj cirkonstancoj kaj sekve ne povas plene disvolvi siajn kapablojn. Kiel do la kleruloj povas esti ne mizeraj nun ke ili vivas en tempoj de stultaj reĝoj kaj malvirtaj ministroj? La pruvo de tio estas la ĉefministro Bi Gan, kiu havis sian koron elŝirita de la tirano.”

**§20-07**

Kiam Konfuceo estis sieĝita inter la regno Chen kaj la regno Cai, li ne bruligis fajron por fari kuiradon dum sep tagoj. Li sin apogis per la maldekstra mano je sekiĝinta arbo kaj frapis ĝin per velkinta branĉo en sia dekstra mano, kantante kanton el la epoko de Shennong. Kvankam li havis la branĉon kiel bastonon, tamen la batado estis sentakta; kvankam li eligis la sonon, tamen ĝi ne estis melodia. Sed malgraŭ tio la frapado kaj la kantado profunde tuŝis la koron de tiuj, kiuj tiam estis kun li.

Yan Hui respekte staris flanke kaj turnis siajn okulojn al Konfuceo. Timante, ke Yan Hui atribuus al li tro altan estimon kaj sentus troan malĝojon pro sia amo al li, Konfuceo diris:

“Estas facile eviti la afliktojn venantajn de la naturo, dum estas malfacile rifuzi la favorojn venantajn de la homoj. Ekzistas nenia komenco sen fino; la homo estas konsistiga parto de la naturo kaj sekve harmonias kun ĝi. Nu, kiu do estas tiu ĉi, kiu nun kantas?”

“Ĉu mi povus demandi, kion vi volas diri per ‘estas facile eviti la afliktojn venantajn de la naturo’?” demandis Yan Hui.

“La malsato kaj soifo, varmo kaj malvarmo, kaj malriĉeco kaj mizero, ĉio ĉi venas kiel de la funkciado de la naturo, tiel ankaŭ de la evoluado de la estaĵoj. Eviti la afliktojn venantajn de la naturo signifas ŝanĝiĝi kun la funkciado de la ĉielo kaj la tero kaj kun la evoluado de la estaĵoj. La regatoj ne kuraĝas devii de la dekretoj de la regantoj, por ne paroli pri la devio de la Taŭo!” respondis Konfuceo.

“Kion do vi volas diri per ‘estas malfacile rifuzi la favorojn venantajn de la homoj’?” demandis Yan Hui.

“Supozu regnoficiston, kiu glate debutis en sia kariero,” respondis Konfuceo. “Poste li plurfoje promociiĝis, kaj liaj titoloj kaj salajro tenis lin for de malriĉeco. Ĉio tio estis nur profito, kiu venis al li de ekstere kaj ne apartenis al li mem, — estis la hazardo, kiu havigis al li tiujn ‘eksterajn objektojn’. La noblulo ne faras rabadon, nek la indulo ŝteladon. Kial do mi devus proprigi al mi tiujn ‘eksterajn objektojn’? Tial, estas dirite, ke neniu alia birdo estas pli inteligenta, ol la hirundo. Ĝi ne ĵetas pluan rigardon al loko, kiu al ĝi ne plaĉas, kaj tuj forflugas de ĝi, eĉ se la nutraĵo falas el ĝia beko sur la lokon. Ĝi timas homojn, sed ĝi preferas konstrui sian neston sub la tegmentorando de homa domo kaj loĝi tie.”

“Kion do vi volas diri per ‘ekzistas nenia komenco sen fino’?” demandis Yan Hui.

“En la mondo ĉio ŝanĝiĝas, sed ni ne scias, kiel ĝi transformiĝas, kie estas la fino kaj kie estas la komenco. Ĉio, kion ni povas fari, estas konservi nian veran naturon kaj sekvi la naturan evoluon de la estaĵoj.”

“Kion do vi volas diri per ‘la homo estas konsistiga parto de la naturo kaj sekve harmonias kun ĝi’?” demandis Yan Hui.

“La homo ŝuldas sian estiĝon al la Taŭo de la ĉielo; same la ĉielo ŝuldas sian estiĝon al la Taŭo de la ĉielo. La homo ne povas enkorpigi la Taŭon de la ĉielo pro la limigiteco de sia denaska naturo. Nur la saĝuloj povas kviete sperti la transformiĝon altruditan de la Taŭo de la ĉielo kaj morti naturan morton.”

**§20-08**

Iun tagon Zhuangzi vagis en la kaŝtanarba ĝardeno sur la Agla Monteto kaj vidis strangan pigon, kiu alflugis de la sudo. Ĝiaj flugiloj estis larĝaj je sep *ĉi*-oj kaj ĝiaj okuloj estis grandaj diametre je unu *cun*-o. Ĝi preterflugis Zhuangzi tiel proksime, ke ĝia

flugilo tuŝetis lian frunton, kaj poste falis sur la kaŝtanarbaron. Zhuangzi diris: “Kiaspeca birdo ĝi estas? Ĝi ne povas flugi longan distancon malgraŭ siaj potencaj flugiloj, nek povas klare vidi malgraŭ siaj grandaj okuloj.” Poste li levis sian robon kaj rapide paŝis antaŭen. Li haltis kaj staris tie gvatante kun arbalesto en la mano. Li subite vidis cikadon, kiu ĵus trovis ombritan spaceton kaj forgesis sin mem. Tiam unu manto, kiu sin kaŝis malantaŭ la folioj, sin preparis por kapti la cikadon kaj same forgesis sin mem. Tiumomente la stranga pigo profitis tiun okazon por kapti la manton, tute forgesante sian propran korpon. Zhuangzi estis tiel alarmita, ke li kriis: “Ho ve! Jen kiel la estaĵoj malutilas al si reciproke: ĉiu altiras malfeliĉon sur la alian pro avido.” Li forĵetis la arbaleston kaj rapidis hejmen. La ĝardengardisto postkuris lin kaj insulte kriis al li, pensante, ke li ŝtelis ion.

Dum la tri tagoj post tio Zhuangzi sentis sin malĝoje. Lia disĉiplo Lin Ju demandis lin:

“Kial vi sentas vin tiel malĝoje ĉi tiujn tagojn, majstro?”

“Mi dediĉis mian atenton al eksteraj estaĵoj kaj forgesis pensi pri mi mem. Mi vidis la danĝeron de la vulgara mondo, sed mi estis konfuzita pri mia propra konduto. Mi iam aŭdis de mia majstro la diron: ‘En la vulgara mondo agu, kiel agas la vulgara popolo.’ Kiam mi vagis en la kaŝtanarba ĝardeno, mi preskaŭ forgesis mian veran memon. Kiam la stranga pigo tuŝetis mian frunton kaj falis inter la kaŝtanarbojn, mi preskaŭ forgesis mian denaskan naturon. La ĝardengardisto insulte kriis al mi. Jen kial mi sentas min malĝoje.”

### §20-09

Vojaĝante al la regno Song, la majstro Yangzi tranoktis en gastejo. La gastejestro havis du kromedzinojn, el kiuj unu estis bela, la alia malbela. Li favoris la malbelan anstataŭ la belan. Kiam Yangzi demandis lin kial, tiu respondis:

“La bela pensas, ke ŝi estas bela, sed mi ne scias, kiel ŝi estas bela; la malbela pensas, ke ŝi estas malbela, sed mi ne scias, kiel ŝi estas malbela.”

La majstro Yangzi diris:

“Tenu tion ĉi en la menso, miaj disĉiploj: Tiu, kiu faras bonajn agojn sen pensi pri sia boneco, estas ĉie amata.”

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinio)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinio)

## Mi malkonstruas nur mian etaĝon

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Afanti
pruntepreni cent
arĝentajn monerojn el
riĉulo kiel serpent’
kun impertinent’.

Afanti
konstruis al si
domon kun du etaĝoj,
sed li iom kun anksi’
triste pensis pri

repago
de pruntita mon’
al riĉulo, sed staris
jam preta la nova dom’
laŭ sia bezon’.

Antaŭ ol
li loĝis tie,
la riĉulo vidis ĝin
en bona stat’ envie
kaj fantazie.

Li planis
de l’ domo bela

loĝi supran etaĝon
kaj per rimed' muela
kaj malsincera

devigis
lin monon pagi.
Afanti tuj konsentis
per domparto repagi
kaj petis tuj agi.

Afanti
jen laŭ lia pet'
donis supran etaĝon
al li kun volonta ced'
por lia posed'.

Afanti
invitis saĝe
kelkajn amikojn helpi
detrui l' domon aĉe
kaj sendomaĝe.

Detruis
muron kun bruo
ili per hojaj fosoj.
Ĝi sin trovis en skuo
sub la detruo.



Elŝovis
kapon la riĉul'
por esplori l' staton kaj
vidis kun kolera brul'
la domon en lul'.

Li kriis,
"Freneza vere
vi fariĝas, Afanti!
kion vi faras cele?
Kiel kruele!"

Afanti
respondis kalme,
"Tio ne koncernas vin!
Ne koleru ja flame
kiel cuname!"

La riĉul'
kriis, "Ne, ne, ne!
Tio ja koncernas min!
Kia malbona ide'!
Se ĝi falus, ve!"

Respondo
venis sagaca.
"Ĉu gravas, mia moŝto?
Do, tenu vin mem paca,
sed ne grimaca.

Jen vidu!
mi detruas nur
mian etaĝon propran."
Poste ili kun plezur'
agi sen murmur'.

La riĉul'
diris timeme,
"Bona Afanti, haltu!"
Li vesuspiris ĝeme
kaj ĉagrenplene.

Li petis,
"Do, vendu al mi
vian etaĝon por mon'!"
Ride diris Afanti
jen kun ironi',

"Tre bone!
Moneroj ducent
arĝentaj!" kaj la riĉul'
devigite kun konsent',
veis en lament'.

## Jadranka Miric (Serbio)



### Malfrua aŭtuno

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Novembra
pluvo varmeta.
Soifas grundo, Magras
putraj foliar’. Eta
voj’ flavruĝeta.

Nebuloj
la urbon kovris.
Ju pli da tempo pasis
des pli nebulo densas .
Poste suniĝos

Malbone
influas nebul’
je homa sano. Tial
certe, diras ĉiu ul’:
“Adiaŭ nebul’!”

Paseroj
sub tegmento, ho!
Sur la fumotubo kat’,
nigra kat’.Tri katoj tro
supestiĉe! Ho!

Ŝanĝiĝas
veter’. Matenoj
malvarmiĝas.Prujno jam
aperis sur bramĉetoj.
“Varmaj kaŝtenoj !”



### Finfine ekis vintro

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Finfine
ekis vintro.Ve.
Kvazaŭ printempas vintre.
Klimatoŝanĝo ! Ho, ne !
Ĉio, ja ŝanĝos tre.

Pluvetas.
Pluvgutoj lante
faladas je vitro. Dum
li ĝojas muzikante
al ŝi kantante.

Juna par’
jen , sub pluvombrel’.
Enplektiĝitaj fingroj.
Lipojn kisu, mia stel’,
per dolĉa miel’.

Venteto
milde ekblovis.
Dancas nigra harar’. Jen
valson perfekte ludis
gvidata de vent’..

Morgaŭa
sereniĝos tag’.
Suno reaperos kun
dentoj. Jen klimato mag’.
Fi, amara sag’.

## Luiza CAROL (Israelo)



### SOPIRO EN DECEMBRO

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

En sudo

ĉio en ordo,
sed bird' sonĝas pri nesto,
sopiras ĉe marbordo
al fora nordo.

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Eamo (Ĉinio)

# Patro

Post forpaso de mia patro pro kancero, mi fariĝas alte sentema al tiuj, kiuj estas rilataj al "patro". Mi ekdonis atenton al okcidenta festo "La Tago de Patro". Mi memoris, ke mi faris nenion por mia patro dum tiu festo.

Iutage aia filo rompis al si la frunton. Tio revokis en mian memoron la akcidenton ke, kiam mi estis infano, mi petole rompis ies kapon per ŝtono. Tiu afero aldonis ekstrajn elspezojn al nia mizera financo. Tamen kiam mia patro en iu kaŝangulo trovis min ege timigita, li ne severe punis min laŭkutime.

Mi intencis skribi ion pri mia patro. Tamen ankoraŭ nenion mi skribis dum tri jaroj. Mi ne scias kiel priskribi lin.

En mia frua impreso, mia patro estis familiestro havanta fortan feŭdan ideon.

Li ĉiam instruis nin per tia fakto, ke maljunulo tia-tia povis facile puni sian plenaĝan filon per bastonego, ĉar la lasta, eĉ se senpeka, ne kuraĝis klarigi kaj rezisti, li devis nur akcepti tian punadon surgenue antaŭ sia patro. Dum lia rakontado de tiuj aferoj, liaj okuloj klare montris fortan sopiron al tia potenco kia familiestro. Malfeliĉe, ni, liaj gefiloj kiuj akceptis kontraŭfeŭdisman edukadon en nova epoko, ĉiam rezistis eĉ al lia bastoneta puno. Sed, li neniam provis perforte ĝui deziratan "feŭdan" potencon same kiel tio en liaj rakontoj. De kiam ni finis nian lernadon en mezlernejo, mi klare sentis, ke anstataŭ famili-estra instruo, li jam ĉiam egale interŝanĝis sian opinion kun ni.

Mi sciis de miaj avino kaj patrino, ke mi ricevis de mia patro pli favorajn zorgojn ol mia fratino, ĉar mia patro havis feŭdan opinion ke filo estas pli bona kaj supera ol filino. Tamen mia nevino skribis en sia taglibro, ke patrinflanka avo estis la plej amema al ŝi en familio. Eĉ en liaj lastaj tagoj, mia patro montris pli multe da zorgo por mia fratino. Li deziris al mi foj-refoje, ke mi devu helpi mian fratinon laŭ mia povo.

Eble mia nevino pravas. Ŝi diris, ke avo estis homo tre grandanima kaj tre optimisma. "Ni ĉiuj estu bonaj!" estis lia lasta voĉo en la mondo.

## Zhang Xiaoxian

Oni demandis, "ĉu vi enamiĝos al iu pro ties voĉo?"

Kiel eble? Mi neniam provis enamiĝi al iu pro lia voĉo, sed mi enamiĝos al iu pro tio, kion li diras.

Se liaj vortoj ĉiam donas al mi varman senton, mi ekhavos belan impreson pri li.

Kiam mi dronas en tre malbona humoro, liaj vortoj povas varmigi min; kiam mi estas en la plej trista soleco, liaj vortoj povas doni dolĉecon al mia koro. Tia dolĉeco ne estas miela parolo, sed la plej bona konsolo en la mondo.

Ĉu vi iafoje renkontis tian homon en via vivo? Ĉiufoje kiam li aperas, vi ĉiam sentas varmon en via koro. Se vi lin ekvidas, vi emas nek koleriĝi nek deprimiĝi.

Tio, kion li diras, ŝajnas kapabli masaĝi vin. Liaj pensoj ĉiam estas tiel proksimaj al la viaj, sed li vidas pli malproksimen kaj pli vasten ol vi. Jam estas plezuro aŭskulti lian voĉon .

Kial estas nur li, sed ne iu alia?

Iuj ankaŭ kapablas paroli tre bone, orelplaĉe kaj scioplene, sed ili ne povas varmigi vian koron. Nur ĉe tiu ĉi homo, kion ajn li diras, vi ĉiam sentas, ke la plej varma estas lia parolo, kiun vi iam aŭdis. Brila parolo ne bezonas varmecon kaj varma parolo ne bezonas brilecon, sed sufiĉas nur ke ĝi estas eligita el lia buŝo.

Ni ĉiam enamiĝas al iu pro tia varma sento kaj disiĝas unu de la alia pro flegmeco unu kontraŭ la alia.

*Elĉinigis* **Jatina (Ĉinio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penlisto.htm
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_